Jaro V/IX. N-o 11 (59) Aŭgusto 1928




Monata Organo
de Sennacieca Asocio Tutmonda
FONDITA EN 1919

# LITERATURA SERIO

ENHAVO:



**Redakcio: 14, Avenue de Corbéra, Paris, XII-e (Francio)**
**Administracio: R. Lerchner, Colmstr. 1, Leipzig O 27 (Germ.)**

# REDAKCIA ANGULO

"Sennacieca Revuo" nun estas sola kaj unika literatura esp. gazeto! Dum mortis la bela "Literatura Mondo", dum malsukcesis provo ĝin anstataŭi, dum ĉesis "Revuo" ĉe "Esp. Triumfonta" (nuna "Heroldo") kaj la brita "Literaturo", — "Sennacieca Revuo" sola daŭrigas sian aperadon konstante malgraŭ ĉio de post la jaro 1923. Malgraŭ ĉio!

Eble oni aludus malicete, ke ja ankaŭ "Senn. Revuo" vegetadis dum la lasta tempo? Jes, vere, sed la kaŭzo de tiu bedaŭrinda vegetado estis tute alia, ol la mortkaŭzo de la aliaj suprecititaj gazetoj. Dum tiuj penege bataladis kontraŭ indiferenteco de sia legantaro kaj fine estis subhakitaj per manko de abonantoj, — "Senn. Revuo" kontraŭe de la komenco mem renkontis viglan subtenon ĉe siaj legantoj kaj se poste ĝia abonantaro provizore kelkiom degelis, tio okazis ne pro kulpo de la movado, kiun ĝi servis.

Diference de la neŭtralaj esp. literaturaj organoj, kiuj sin banadis en senidea kaj senprincipa materialo, malinteresa, enuiga kaj tedanta, — "Sennacieca Revuo" estis ĉiam saturita per diafane klara, forte konscia kaj celkonforma ideologio. Dum kvin jaroj de sia ekzistado "Senn. Revuo" faris neniun flankencedon de sur sia batalpozicio. Fidela amikaro grupiĝis ĉirkaŭ ĝi.

Kio do okazis? Okazis nur, ke la redakcia kolektivo de "Senn. Revuo" (kaj ĝi ĉiam estis vere kolektiva) pro diversaj okazoj de nia vivo parte disiĝis. La restintaj kamaradoj, okupitaj pli en aliaj sektoroj de nia movado — organiza, propaganda ktp., malstreĉis sian atenton... Kaj jen rezulte ni havis krizon: La tendenoj iom plimalfortiĝis, la intima kontakto kun la legantaro rompiĝis...

Tio estis tute natura procedo. Tamen ĝi ne estis kaj ne povis esti fatala!

Nun "Sennacieca Revuo" staras antaŭ nova luksa ekfloro!

Variante en siaj formoj kiel la vivo mem, ĝi estas malfermonta el sia interno novan belegan burĝonon, kiu elĝermis dum la latenta vegetperiodo.

Dum la vegetperiodo akumuliĝis multaj freŝaj fortoj, kiuj jam devas sin malŝargi.

Ni vokas al la nova atako! Nun — pli da optimismo!

Optimismo kaj energio estu niaj gvidmetodoj.

Kun freŝaj fortoj, kun novaj esperoj ni daŭrigu la vojon de "Sennacieca Revuo".

Per alsendo de nova freŝa materialo, precipe originala, respondu la amikoj de "Sennacieca Revuo" al tiu ĉi redakcia manifesto.

Kune kun la malnova rezervaĵo la novaj verkoj riĉigu la paĝojn de nia revuo.

En la proksimaj kajeroj de "Sennacieca Revuo" ni entreprenos kompletan revizion de ĉiuj materialoj, kiujn la Redakcio amasigis ĝis nun en sia dispono.

N. Nekr.

# LA MATEMATIKO DE REVO

## ĈAPITRO EL "LA FERA KALKANUMO"

JACK LONDON

Je la mezo de konfuzo, kiun lia revelacio kaŭzis, Ernesto denove ekparolis:

— Vi diris, dekduo da vi, ke socialismo estas malebla. Vi asertis la maleblecon, nun permesu min elmontri ĝian neeviteblecon. Ne nur estas neeviteble, ke vi, etkapitalistoj, estas forpasontaj, sed estas neeviteble, ke ankaŭ la grandkapitalistoj kaj la trustoj estas forpasontaj. Ekmemoru, la evolucia tajdo neniam posten fluas. Ĝi fluas antaŭen kaj antaŭen, kaj ĝi fluas de konkurenco al etkombinacio, de etkombinacio al grandkombinacio, de grandkombinacio al kolosa kombinacio kaj ĝi antaŭen fluas al socialismo, kiu estas la plej kolosa el ĉiuj kombinacioj.

— Vi diris al mi, ke mi revas. Tre bone. Mi donos al vi la matematikon de mia revo; kaj nun, antaŭ ĉio, mi batalinvitas vin montri, kie mia matematiko estas nekorekta. Mi elvolvos la neeviteblecon de disfaliĝo de la kapitalista sistemo, kaj mi matematike elmontros, kial ĝi estas disfalenda. Jen mi komencas, kaj estu al mi kompleza, se mi estos iomete neklara ĉe la komenco.

— Unue ni esploru specialan proceedon industrian, kaj kiam ajn mi eldiros ion, kun kiu vi malkonsentas, bonvolu interrompi min. Jen estas ŝufabriko. La fabrik-estraro prenas ledon valorantan 100 dolarojn kaj faras ŝuojn el ĝi. La ledo estas aliformigita en ŝuojn, kiuj valoras, ni diru, 200 dolarojn. Kio okazis? 100 dolaroj estis aldonitaj al la valoro de ŝuoj. Kiel ĝi estis aldonita? Ni esploru.

— Kapitalo kaj laboro aldonis valoron de 100 dolaroj. Kapitalo alliveris la fabrikon, la maŝinojn kaj pagis ĉiujn elspezojn. Laboristaro alliveris laboron. Per la kuna peno de kapitalo kaj laboristaro cent dolaroj estis aldonitaj. Ĉu vi ĉiuj konsentas?

La sidantoj ĉe la tablo kapklinetis.

— Laboristaro kaj kapitalo, produktinte tiujn cent dolarojn, tiam procedas ĝin interdividi. La statistiko de tia divido estas frakcia, tial ni, pro oportuneco, faru ĝin proksimume. Kapitalo prenas 50 dolarojn kiel sian parton, kaj laboristaro ricevas 50 dolarojn kiel sian parton. Ni ne tuŝu la interdisputon pri la divido[1]).

---

[1]) Everhard ĉi-supre klare elvolvis la kaŭzon de ĉiuj ĉagrenoj gelaboristaj de tiu periodo. Je la divido de kuna produktaĵo, kapitalistoj volis tiom, kiom ili povis akiri, kaj laboristoj volis tiom, kiom ili povis akiri. Tiu interdisputado

— Ne gravas kiom multe da interdisputado okazas, je unu procentaĵo aŭ alia, la interdivido estas ĉiam aranĝata. Kaj priatentu, ke tio, kio estas vera je tiu speciala procedo industria, estas ankaŭ vera je ĉiu procedo industria. Ĉu mi estas prava?

Ree la tuta tablanaro konsentis kun Ernesto.

— Nun supozu, ke laboristaro, post ricevo de siaj 50 dolaroj, dezirus reaĉeti ŝuojn. Ĝi nur povus ilin reaĉeti je valoro de 50 dolaroj. Tio estas klara, ĉu ne?

— Kaj nun ni iras de tiu speciala procedo al la tuta sumo de ĉiuj procedoj industriaj en Usono, kiu inkluzive enkalkulas la ledon mem, la krudan materialon, transportadon, vendadon, ĉion. Ni diru, pro nefrakcieco de ciferoj, ke la tuta produktaĵo de riĉaĵaro en Usono dum jaro estas 4 000 000 000 da dolaroj. Tial laboristaro ricevas kiel salajraron, dum la sama periodo, 2 000 000 000 da dolaroj. Kvar bilionoj da dolaroj estis produktitaj. Kiom multe da ĝi povas laboristaro reaĉeti? Du bilionojn. Nenia diskuto pri tio, mi estas certa. Miaj procentaĵoj estas mildaj, ĉar pro mil elpensaĵoj kapitalistaj laboristaro ne povas reaĉeti eĉ duonon de la tuta produktaĵo.

— Kaj nun ni venas al la punkto. Kvar bilionoj da riĉaĵaro estas produktataj en Usono dum jaro. Laboristaro aĉetas kaj forkonsumas du bilionojn. Kapitalistaro ne forkonsumas la restantajn du bilionojn. Granda bilanco neforkonsumita restas. Kio estas farata kun tiu bilanco? Kio estas farebla kun ĝi? Laboristaro ne povas forkonsumi ion da ĝi, ĉar laboristaro jam elspezis sian tutan salajraron. Kapitalistaro ne forkonsumos tiun bilancon, ĉar, laŭ sia naturo, ĝi forkonsumis tiom, kiom ĝi povis. Kaj ankoraŭ restas la bilanco. Kio estas farebla kun ĝi? Kio estas farata kun ĝi?

— Ĝi estas forvendata alilanden, — propravole diris s-ro Kovalt.

— Korekte, — Ernesto konsentis. — Pro tiu bilanco ekstaras bezono de merkato fremdlanda. Ĝi estas alilanden forvendata. Aliel oni ne povus de ĝi liberiĝi. Kaj tiu neforkonsumita surpluso, alilanden forvendita, fariĝas tio, kion oni nomas nia favoreca komercbilanco. Ĉu ni ĉiuj ĝis tiu-ĉi punkto interkonsentas?

— Sendube estas perdo de tempo ellaboradi tiun "abocon de komerco", — s-ro Kalvin acide diris. — Ni ĉiuj ĝin komprenas.

— Kaj per tiu ĉi aboco, kiun mi tiel atenteme ellaboris, mi konfuzos vin, — Ernesto rebatis. — En ĝi kuŝas la interesiga beleco. Kaj ĝuste nun mi estas vin konfuzonta. Gardu vin!

— Usono estas lando kapitalista, kiu evoluigis sian krudrimedaĵaron. Laŭ sia kapitalista sistemo de industrio, ĝi posedas

---

pri la divido estis nepacigebla. Tiom longe kiel la sistemo de kapitalista produktado ekzistis, laboristaro kaj kapitalistaro daŭre interdisputadis pri la dividaĵo.

surpluson neforkonsumitan, kiu estas liberigenda alilanden[1]). Kio ajn estas vera pri Usono, estas ankaŭ vera pri iu ajn alia lando kapitalista kun evoluigita krudrimedaĵaro. Ĉiu el tiuj landoj posedas surpluson neforkonsumitan. Ne forgesu, ke ili jam interkomercadis, unu kun alia, kaj ke tamen tiuj surplusoj restas. Laboristaro en ĉiuj tiuj landoj elspezis sian salajraron, kaj tial ĝi ne povas reaĉeti la surplusojn. Kapitalistaro en ĉiuj tiuj landoj jam konsumis tiom, kiom ĝi laŭ sia naturo povas. Kaj ankoraŭ restas la surplusoj. Ili ne povas disponi tiujn surplusojn unu al la alia. Kiel estas ili liberiĝontaj de la surplusoj?

— Forvendante ilin al landoj kun neevoluigita krudrimedaĵaro, — sugestis s-ro Kovalt.

— Tute vere. Vidu, argumento mia estas tiel klara kaj simpla, ke en viaj propraj mensoj vi kondukas ĝin por mi. Kaj nun al la sekvanta paŝo. Supozu, ke Usono disponas sian surpluson al lando kun neevoluigita krudrimedaĵaro, kiel, ni diru, Brazilio. Ekmemoru, ke tiu surpluso estas preter kaj super komercado, kies komercaĵoj estis jam forkonsumitaj. Kion, do, reciproke ricevas Usono de Brazilio?

— Oron, — diris s-ro Kovalt.

— Sed ekzistas nur ioma kvanto da oro, kaj ne multe da ĝi en la mondo, — kontraŭis Ernesto.

— Oron en la formo de pruntgarantiaĵoj, obligacioj ktp....

— Nun vi trafis la pravan respondon, — diris Ernesto. — De Brazilio, reciproke pro sia surpluso, Usono ricevas obligaciojn kaj pruntgarantiaĵojn. Kaj kion tio signifas? Ĝi signifas, ke Usono estas posedonta fervojojn en Brazilio, ankaŭ fabrikojn, minejojn kaj bienojn. Kaj siavice kian signifon havas tio?

S-ro Kovalt enpensiĝis kaj skuetis sian kapon.

— Mi diros al vi, — Ernesto daŭrigis. — Ĝi signifas, ke la krudrimedaĵaro brazilia estas evoluigota. Kaj nun, la sekvanta punkto. Kiam Brazilio, sub la kapitalista sistemo, evoluigos sian krudrimedaĵaron, ĝi mem posedos neforkonsumitan surpluson. Ĉu Usono povos fari tion, kion ĝi faris antaŭe — liberigi sian surpluson al Brazilio? Ne, ĉar Brazilio tiam ankaŭ posedos surpluson.

— Kio okazos? Usono kaj Brazilio estos ambaŭ elserĉantaj aliajn landojn kun neevoluigita krudrimedaĵaro por ke ili povu

---

[1]) Teodoro Ruzvelt, prezidanto usona, kelkjarojn antaŭ tiu tempo, faris la sekvantan deklaracion: "Pli liberala kaj pli ampleksa reciprokeco je la aĉetado kaj vendado de necesaĵoj estas necesa, por ke la superproduktitaĵo usona estu kontentige al fremdlandoj disponita." Kun certeco, tiu superproduktitaĵo, kiun li menciis, estis la profitoj de la kapitalista sistemo super kaj preter la konsumpoveco de la kapitalistaro. Je la sama tempo senatoro Mark Hana diris: "La produktado de riĉaĵaro usona estas trionon pli granda ol ĝia konsumado." Ankaŭ lia kolego — senatoro Chauncy Dipju, diris: "La usona popolo produktas jare du bilionojn pli da riĉaĵaro ol ĝi forkonsumas."

deŝarĝi siajn surplusojn al ili. Sed ĝuste pro tia procedo, deŝarĝado de la surplusoj, la krudrimedaĵaro de tiuj landoj estos siavice evoluigita. Baldaŭ ili havos surplusojn, kaj ili estos serĉendaj aliajn landojn, al kiuj ili povos deŝarĝi ilin. Nun, sinjoroj, sekvu min. La planedo posedas limigitan grandecon. Ekzistas nur limigita nombro da landoj. Kio okazos, kiam ĉiu lando en la mondo, ĝis la plej eta kaj lasta, kun surpluso en siaj manoj trovos sin kontraŭstaranta ĉiujn aliajn landojn kun surplusoj en iliaj manoj?

Li paŭzis kaj rigardis sian aŭdantaron. La embaraseco sur iliaj vizaĝoj estis plezuriga. Ankaŭ solentimo ekvidiĝis sur iliaj vizaĝoj. El abstraktaĵoj Ernesto elĵonglis vizion kaj aldevigis ilin ĝin vidi. Ili estis ĝin vidantaj, kiam ili sidis tie, kaj pro tio ili ektimiĝis.

— Ni komencis per aboco, s-ro Kalvin, — Ernesto ruze diris, — mi nun donis al vi la restaĵon de la alfabeto. Ĝi estas tre simpla. Vi sendube havas la respondon sekvontan. Kiel, do, kiam ĉiu lando en la mondo havos surpluson neforkonsumitan? Kie estos tiam la kapitalista sistemo?

Sed s-ro Kalvin skuetis sian pliĉagrenitan kapon. Li memevidente ekcerbumis je Ernesta rezonado, serĉante eraron...

El angla tradukis — Georgo Saville (1092).



## FERA GIGANTO

S. DAVIDOV

*Tra l' mond' sonoru mia kanto!*
*Maljuna peze spiras ter':*
*En mond' leviĝas la Giganto,*
*Forĝita el potenca fer'.*

*Naskiĝis lin fabrikaj keloj,*
*Mizero vartis kaj dolor',*
*Edukis jaroj de l' ribeloj,*
*Fortegon donis la Labor'*

*Ĝis nun, katenigitan sklavon,*
*Sufokis lin la kapital'.*
*Sed forĝis li por venĝo glavon*
*Kaj venis tempo de batal'.*

*Leviĝas li — kaj tremas tero!*
*En lia brust' sonoras kor',*
*En lia brusto kantas fero*
*Kaj tondras la Impuls-Labor'.*

*Leviĝas li — kaj falas limoj*
*De la patri', de la naci'...*
*Ribelas lia hel-animo:*
*Tutmonda la Revoluci'!*

*Gekamaradoj kaj gefratoj!*
*Ĝis kiam vivi en sufer'?*
*Sufiĉas! Iru al la stratoj*
*Gigant', forĝita el la fer'!*

# LEGENDO PRI LA JUNULO, KIU SERĈIS KAJ TROVIS LA HOMON

ÁRPÁD SZÉLPÁL[1])

Post kiam oni mortigis ĉiun kredon kaj el la koroj pereis ĉiu espero, unu sola homo restis kiu ankoraŭ atendis kaj amis. Li estis juna kaj bela, kiel en siaj foliaroj la juna arbo printempe, forta, kiel la graciaj cervoj, senvirina kaj sola, kiel la Suno. Liajn lipojn ne forlasis la rideto, lian frunton la gajeco, lian rigardon la bonhumoro kaj lian koron la fido. Kaj kvankam ĉirkaŭ li kun okuloj fiksitaj al tero iris la homoj kaj evitis lin aŭ forturnis sin de li, kvankam ili blasfemis kaj kalumniis, mokis kaj priridis lin, lia koro restis simpla kaj pura. Li ne serĉis la homojn, nek evitis ilin, li nek adoris nek blasfemis, li estis nek pasiva rigardanto nek aktiva partoprenanto. Simpla homo li estis.

Li kantojn kantis en sia bonhumoro, kvankam neniu aŭskultis ilin: en tiu tempo oni ne kantis. Li nomojn donis al la floroj, kvankam neniu prizorgis la nomojn: en tiu tempo oni ne ekvidis la florojn; kaj fabelojn li rakontis, kvankam neniu komprenis ilin. En tiu epoko la infanoj ne havis tempon por aŭskulti fabelon. Ĉiu homo kun kunpremitaj buŝoj kaj kun fermitaj koroj laboris kaj silentis, kaj oni ploris se infano naskiĝis.

Nur li iris kun gaja koro kaj atendis kaj amis.

— Kompatinda frenezulo! — diris pri li la homoj. — Li ne vidas la sencon de la aferoj. Li ne scias, ke ĉio estas vana.

— Miaj karaj gefratoj! — diris la Junulo. — Mi ne estas frenezulo. Mia serena vizaĝo respegulas viajn verajn vizaĝojn. Mia humoro nutras sin el viaj forgesitaj fortoj kaj mia fido estas la pesilo de viaj fortoj. Ĉirkaŭrigardu ja, kiel belega estas la mondo.

— Silentu, — murmuris la maljunuloj. — Ni ne volas vidi vian mondon, la mondon de fantaziuloj, mallaboremuloj kaj sensaĝuloj.

— Certe vi volas porti nin en la pereon. Tiaspecaj junuloj kiel vi, jam kaŭzis al ni multe da malfeliĉego.

— Jes, jes, certe, — aprobis ilin la junuloj. — Laboru vi ankaŭ kaj ne prediku, tiam vi ne plu havos emon por tiaj manioj.

— Labori? Pro kio? — ridis la Junulo. — Por ke mi forfermu min de la senfino de l' kampoj, for de la bonodoro de l' floroj, por ke apud la varmega aero de la kaldronegoj malvarmiĝu mia koro ankaŭ, kaj finfine mi fariĝu maljuna kriplulo?

— Vi ja ne estas frenezulo! — diris unu inter la multaj, kies koron pleje ŝtonigis lia sorto. — En vi loĝas la diablo de la libero.

— Mortigu, mortigu la ribelanton! — murmuris la amaso.

Tiam forkuris la Junulo en la arbaron.

— Kion vi serĉas inter ni? — demandis lin la arboj. — Homo havas sian hejmon inter la homoj.

Tiam li forkuris inter la montojn.

---

[1]) Arpád Szélpál estas la budapeŝta redaktoro de revuo "Periskopo". Tiu ĉi plej moderna hungarlingva revuo aperas en Arad (Rumanio) kaj estas internacie disvastiĝinta.

— Kion vi serĉas inter ni? — demandis lin la montoj. — Homo havas sian hejmon inter la homoj.

Tiam li forkuris al la bordo de la akvo.

— Kion vi serĉas inter ni? — demandis lin la ondoj. — Homo havas sian hejmon inter la homoj.

— Kien mi iru do? — demandis la Junulo. — Kiu estas tiu, kiu akceptas kore la homon?

— La homo! — respondis lin la eĥo.

— Kial do forpelas min la homoj? — demandis li la herbojn.

— Ĉar vi juna estas kaj atentigas ilin je la pereo.

— Ja la juneco havas sian sencon en la pereo; kial do min forpelas la homoj? — demandis li de la ŝtonoj.

— Ĉar bela vi estas kaj dion vi rememorigas al ili.

— Ja la beleco havas sian sencon en la dio; kial do oni forpelas min? — demandis li la ondojn.

— Ĉar forta vi estas kaj vi rememorigas al ili ilian malfortecon.

— Ho, ja ambaŭ: forto kaj malforto havas sian sencon en la homo; kial, ho kial do oni forpelas min? — demandis li la Sunon.

— Ĉar senkunule vi estas! — respondis la Suno.

Tiam ekkriis la Junulo.

— Ho, mi ja ĝojas la matenon, ĝojas la tagon kaj nokton, per kanto mi salutas mian vekiĝon kaj kantante mi ekdormas. Mi karesas la herbojn, mi prikantas la montojn, kaj mi estas feliĉa inter la ondoj. Ĉio, kio ekzistas, estas mia kunulo kaj frato.

— Homo havas sian hejmon inter la homoj, — respondis la Suno.

— Nek en la mateno, nek en la nokto, nek en la kanto kaj nek en la floroj, montoj, bestoj aŭ fabeloj serĉu la homon, sed en la homo mem.

Kaj revenis la Junulo inter la homojn. Li alportis en sia korpo la gracian altkreskon de la arboj, la liberon de la montoj, la seriozan trankvilon de la akvoj, la freŝon de la vento kaj la klaran rigardon de la bestoj.

Kaj lin ne rekonis la homoj kaj ne ĝenis lin.

La Junulo iris en iun grandan urbon, kie loĝis tre multaj homoj. Kaj li renkontis la knabinon en la urbo.

— Certe vi min serĉas, — diris la knabino.

— La homon mi serĉas, — respondis la Junulo kaj ne alrigardis ŝin.

— Mi sciis, ke vi min serĉas, — diris la knabino kaj ekrigardis la Junulon.

— Ĉu vi atendis min? — miris la Junulo.

— Mi atendis vin, — respondis la knabino. — Mi certe sciis, ke vi venos, kiu serĉos la homon.

— Vi estas do la homo? — demandis ŝin la Junulo.

— El mi burĝonas la homo! — respondis la knabino.

Tiam alrigardis ŝin la Junulo. Kaj li trovis en ŝiaj okuloj la vivigan lumon de l' Suno, en ŝia voĉo la molan kanton de l' venteto, en ŝia sino la profundon de l' uragano, sur ŝia korpo la silkon de l' herboj; kaj en ilia triumfa, ama kunfandiĝo por momento ekbrilis kaj novan burĝonon kreis la senco de l' vivo.

— Mi estas feliĉa, — diris la Junulo. — Mi trovis la vivon. Mi volas labori, — diris la Junulo. — En la laboro oni feliĉon trovas. Mi kulturos la teron, por ke mi havu nutraĵon; mi konstruos domon, por ke mi havu loĝejon; mi faros vestaĵon por vesti min. Kaj en mia bonhumoro mi fabrikos vapormaŝinojn kaj elektromotorojn, por ke mi venku la distancon, por ke mi spitu la elementojn kaj konkiru tute la mondon.

La homoj en tiu tempo en fabrikoj laboris kun klinitaj kapoj, kun kunpremitaj lipoj kaj senespere. Oni metis iliajn muskolojn, karnojn, mensojn kaj ostocerbojn en grandajn kaldronegojn kaj ili senĉese nur laboris kaj laboris. Kaj bruis la maŝino. Neniam demandis iu el ili: pro kio; neniam demandis iu el ili: kial. Ili nur laboris.

— Laboru, ĉar tio estas la leĝo! — diris la trosatiĝintaj homoj.

— Laboru, ĉar tio estas la ordono! — diris la laborgvidantoj.

— Laboru, ĉar vi estas fortaj! — diris la saĝuloj.

— Sur viaj ŝultroj kuŝas la produktado kaj socio! — diris la oratoroj. Kaj ili, la mil laboristoj kaj la multaj miloj da laboristoj silentis. La maŝinoj bruegis, la rimenoj akre krakadis, la marteloj tondris. Kaj ili silentis apud la maŝinoj. En la kaldronego flamis kaj pereis iliaj cerboj, muskoloj kaj ĉiuj iliaj esperoj. Kaj bruis la maŝino. Bruis la maŝinoj. Ili nur laboris, laboris. Neniu posedis inter ili bienon. Ĉirkaŭ ili la tuta ampleksa bienego apartenis al unu sola homo, kiu neniam faris eĉ unu pioĉan hakon en la teron. Domon ili ne havis. Oni loĝis ok-dekope en unu eta senaera ĉambro. La belegaj palacoj kun siaj vastaj aerozaj ĉambregoj estis tute malplenaj.

Iliaj vestaĵoj estis ĉifonitaj, sed kiu povas aĉeti novan? La vestaĵoj putras en grandaj amasoj en la multetaĝaj magazenoj de la komercistoj. Kaj ili havis por manĝi ankaŭ malmulton. Kaj la faruno netuŝite ŝimas en la grandaj grenejoj. Ho, jam delonge ekzistas neniu, kiu povus rememori la sencon de la laboro. Nur la terura, mortiga instrumento vivas. Kaj ili laboras kun kunpremitaj buŝoj senvoĉe.

En tiu tempo la kapitalo regis.

— Mi volas labori inter la homoj! — diris la Junulo kaj li iris al la trosatiĝinta homo.

— Nur tiamaniere vi povas fariĝi homo, bona filo, se vi laboras, — diris la trosatiĝinta homo kaj sendis lin al la laborgvidanto.

— Nur tiel vi povas resti inter ni, se vi laboras, — diris la laborgvidanto kaj sendis lin apud la kaldronegon.

— Nur tiel vi povas vivi, se vi laboras, — diris la saĝuloj kaj metis sur liajn ŝultrojn multe da laboro.

— Vi estas la ŝlosilo de la produkto kaj socio, — diris la oratoroj, sed li nenion komprenis el tiuj ĉi paroloj.

Li nur staris inter la turniĝantaj radoj, kurantaj rimenoj kaj muĝantaj marteloj, inter siaj silentemaj kamaradoj emociite kaj potence, kiel en sia vojmezo la somera suno.

La tuta homsorto tumultiĝis antaŭ liaj okuloj kaj li klare kaj certe vidis jam la sencon de la laboro. En lia koro kantoj burĝonis pri la feliĉaj homoj kaj himnoj, pri la forto de la feliĉuloj. En lia cerbo pensoj kreskis pri la mistero de la solidareco, pri la komuna sorto kaj pri ĉio, pri kio silentis liaj mil kaj mil kamaradoj.

Kaj nun tiu ĉi ega silento en la Junulo vojon trovis kaj sencon gajnis, kaj ĉiuj malĝojego, turmento, sopiro, malespero kaj espero de tiuj ĉi kompatindaj homoj tie sonoris-frapadis, tondradis kaj bruegis en la fortaj ostoj, freŝa korpo, klarvida cerbo, juna forto kaj en la triumfa kanto de la Junulo, kiun li ĵetis nun kiel lastan nutraĵon en la kaldronegon.

Kiel en la aero la frostiĝinta pugno, ĉesis frapadi la marteloj, rigidiĝis la rimenoj, rapide timiĝis kaj haltis la maŝino! Silentis la maŝino! Kaj kantis la Junulo, kantis la Junulo kaj kantis la laboristoj.

Tiam oni kondukis la Junulon al la trosatiĝinta homo.

— Kial vi haltigis la maŝinon, malsaĝulo? Ĉu vi pripensis, ke sen maŝino

ni malsatmortos? Ni malsatmortos, vi kaj mi ankaŭ. Kaj mi estas malsata, mi estas malsata! — kriadis la trosatiĝinta homo.

— Kial vi haltigis la maŝinon, frenezulo? — demandis lin la laborgvidanto. — Ĉu vi pripensis, ke sen maŝino ni malsatmortos? Ĉu vi scias, ke vi bankrotigis nin tute. Kion mi faru nun, kion? — ploradis la laborgvidanto.

— Kial vi haltigis la maŝinon, stultulo? — demandis lin la saĝuloj. — Ĉu vi scias, ke tiamaniere pereos ĉiu ĝisnuna rezulto, kaosiĝos la ordo de la produktado kaj ni refalos en la bestan vivon. Kion ni faros, kion ni faros?! — furiozis la saĝuloj.

— Kial vi haltigis la maŝinon, stultulo? — demandis lin la oratoroj. — Ĉu vi scias, ke oni ne devas haltigi la maŝinon, sed kontraŭe, oni ĝin devas okupi kaj meti ĝin al la servo de la komuna intereso. Kaj tio estas la komuna intereso, ke ĉiu satiĝu. Tio estas la komuna intereso, ke ĉiu fariĝu laborgvidanto. Tio estas la komuna intereso, ke ĉiu fariĝu saĝulo. Tio estas la komuna intereso, ke ĉiu parolu. Sed vi senigis nin de ĉiuj niaj eblecoj! — blasfemadis la parolantoj.

— Ne ploru, ho trosatiĝinta homo, nek vi, laborgvidanto kaj nek vi, saĝuloj kaj oratoroj, ne ploru. Mi venis al vi, al la homoj de la kampoj, montoj, suno, de la libera aero kaj el la brakoj de mia amatino, kaj mi nun vin ankaŭ kondukos al la homoj, por ke vi vere homoj fariĝu.

— Ni iru do al la laboristoj! — diris la oratoroj.
— Ni iru do al la laboristoj! — diris la saĝuloj.
— Ni iru do al la laboristoj! — diris la laborgvidanto.
— Ni iru do al la laboristoj! — diris la trosatiĝinta homo.

Kaj ili ekiris al la laboristoj. Kaj ili vidis la laboristojn kaj aŭdis ilin kanti.

— Eble por pano ili kriadas? — demandis la trosatiĝinta homo.
— Eble por laboro ili kriadas? — demandis la laborgvidanto.
— Eble por scio ili kriadas? — demandis la saĝuloj.
— Eble por libero ili kriadas? — demandis la oratoroj.

— Ne, — respondis la Junulo: — ili ne kriadas, ili kantas. Malgraŭ ke ili ricevis ankoraŭ nenion; ili nur la vojon trovis. Kaj ili vidis jam la sencon de la laboro. Kaj la senco de la laboro estas en la rezulto de la laboro. Ne timu, trosatiĝintaj homoj, laborgvidantoj, saĝuloj kaj oratoroj, ne ĉesos la laboro, kaj ne haltos la produktado. Estos laboro, sed ne por si mem, estos produktado, sed ne por la kapitalo. La nevenkebla volo de la vivo triumfos, kaj estos feliĉa tiu, kiu naskiĝis homo.

Kaj kantis la laboristoj. Kaj ili iris, iris tra arbaroj, montoj, akvoj, ŝtonoj kaj tra ĉiu manifestiĝo de la vivo. Ili iris tra venteto kaj uragano, tra sonĝo kaj revo. Ili iris, iris.

Kaj ili alvenis fine al si mem. Ili trovis la kontakton en ĉiu manifestiĝo de la vivo. Ili rimarkis en si mem la volon de l' vivo, kaj en la volo de l' vivo ili ekkonis sian propran volon.

Tiam jene parolis la Junulo, tiam jene parolis la laboristoj, tiam jene parolis la oratoroj, saĝuloj, laborgvidantoj kaj trosatiĝintaj homoj:

“La laboro havas sian sencon en la produktado, la produktado en la konsumo, la konsumo en la homo, kaj la homo en la vivo.“

Kaj renaskiĝis la kredo, en la koroj elburĝonis la espero kaj elfloris la amo.

— Mi estas feliĉa! — diris la Junulo: — mi trovis la homon.

En tiu tempo odoraj floroj, fekundaj kampoj kaj sanaj infanoj ridegis al la Suno.

Kun la afabla permeso de l' aŭtoro tradukis el la hungara:
Ladislao Halka.

# CANDIDE[1] AŬ LA OPTIMISMO

VOLTAIRE[2])

Tradukita francen el la germana lingvo de s-ro doktoro Ralph, kun la aldonoj, kiujn oni trovis en la poŝo de l' doktoro, kiam li mortis en Minden, la favoran jaron 1759.

## ĈAPITRO I

Kiel Candide estis edukata en bela kastelo, kaj kiel el ĝi li estis forpelita.

En Vestfalio, en la kastelo de lia barona moŝto Thunder-ten-tronckh, estis junulo, al kiu la naturo estis doninta plej mildajn morojn. Lia fizionomio spegulis lian animon. Li havis sufiĉe da juĝ-kapablo kun la plej simpla spirito; pro tio, mi kredas, oni nomis lin Candide[3]). La malnovaj servistoj suspektis, ke lia patrino estis la fratino de lia barona moŝto kaj lia patro iu nobelo el la ĉirkaŭaĵo, kun kiu ŝi neniam volis edziniĝi, tial ke li povis doni pruvon nur pri sepdek unu gradoj da nobeleco kaj ke la cetero de lia generacia tabelo forperdiĝis.

Lia barona moŝto estis unu el la plej potencaj sinjoroj el Vest-falio, ĉar lia kastelo havis pordon kaj fenestrojn. Ĝia granda ĉambro estis eĉ ornamita per tapeto. Ĉiuj hundoj el liaj birdkortoj konsistigis, se necese, ĉasantaron; liaj stalistoj estis ankaŭ ĉeval-istoj; la vilaĝa vikario estis lia kapelpastro. Ĉiuj nomis lin mia sinjorega moŝto, kaj ili ridis, kiam fantazie li rakontis.

La barona sinjorino pezis tri cent kvindek funtojn kaj estis pro tio treege ŝatata; ŝi akceptis la gastojn kun digneco, kiu igis ŝin ankoraŭ pli respektinda. Ŝia deksepjara filino, Cunégonde[4]) estis tre ruĝa, freŝa, grasa, dezirdona. La filo de l' barono ĉiurilate ŝajnis esti inda je sia patro. La guvernisto Pangloss[5]) estis la hejma orakoldiranto kaj la malgranda Candide aŭskultis liajn instruojn kun la tuta sincereco, akordiĝanta kun lia aĝo kaj lia karaktero.

Pangloss instruis la metafizik-teologi-kosmologologion. Li mir-inde bone pruvis, ke ne ekzistas efiko sen kaŭzo, kaj ke, en la plejeble bona mondo[6]), la kastelo de lia barona moŝto estas la plej bela el ĉiuj kasteloj, kaj la sinjorino la plejeble bona el la baroninoj.

"Estas pruvite", li diris, "ke la aferoj ne povas esti aliaj ol ili estas: ĉar ĉio, estante farita por iu celo, rilatas nepre la plej bonan

[1]) Elp. K a n d i d.
[2]) Elp. V o l t e r.
[3]) Franclingve tiu vorto signifas: m a l r u z a, s e n m a l i c a, n a i v a.
[4]) Elp. K ü n e g o n d.
[5]) Laŭ la grekaj vortoj πᾶν, kiu signifas: t u t o, u n i v e r s o kaj γλῶσσα lango (aŭ lingvo).
[6]) Aludo al diro de Leibnitz. Cetere la tuta verko de Voltaire celas moki la optimisman filozofion de la germana pensulo. — T r a d.

celon. Atentu bone, ke la nazoj estas faritaj por porti okulvitrojn; tial ni havas okulvitrojn. La kruroj videble estas faritaj por esti ŝtrumpe vestataj. La ŝtonoj estis formataj por esti prilaborataj kaj por ke oni konstruu per ili kastelojn; tial lia sinjorega moŝto havas tre belan kastelon; la plej granda barono el la provinco devas esti la plej bone loĝata; kaj la porkoj estas faritaj por esti manĝataj, tial ni manĝas porkaĵon dum la tuta jaro: sekve, kiuj diris, ke ĉio estas bona, tiuj diris sensencaĵon; necesis diri, ke ĉio estas la plej bona."



VOLTER' (1694—1778)
Antaŭ nelonge oni solenis la 150-jaran datrevenon de lia morto. En multaj landoj k lingvoj oni tre inde atentigis pri la meritoj de la granda aŭtoro. Sed en Francio mem oni malmulte menciis la okazon.

Candide atente aŭskultis, kaj naive kredis: ĉar li trovis fraŭlinon Cunégonde treege bela, kvankam neniam li kuraĝis tion diri al ŝi. Li konkludis, ke post la feliĉo esti barono de Thunder-ten-tronckh, la dua grado de feliĉo estas esti Fraŭlino Cunégonde; la tria, vidi ŝin ĉiutage; kaj la kvara, aŭdi majstron Pangloss, la plej grandan filozofon el la provinco, kaj sekve el la tuta tero.

Iun tagon, Cunégonde, promenante apud la kastelo, en arbareto, kiun oni nomis parko, vidis Doktoron Pangloss, kiu donis lecionon pri eksperimenta fiziko al la ĉambristino de ŝia patrino, brunulineto tre bela kaj obeema. Tial ke Fraŭlino Cunégonde estis tre inklina lerni la sciencojn, ŝi silente observadis la ripetitajn eksperimentojn al kiuj ŝi ĉeestis; ŝi klare vidis la sufiĉan[1]) kialon de la doktoro, la efikojn kaj la kaŭzojn, kaj tute maltrankviligite, tute enpensiĝinte, ŝi foriris kun la deziro esti klera, revante, ke ŝi bone povus esti la sufiĉa kialo por la juna Candide, kiu bone povus ankaŭ esti la ŝia.

Revenante al la kastelo, ŝi renkontis Candide kaj ruĝiĝis;

1) Leibnitza principo, laŭ kiu nenio ekzistas aŭ okazas sen sufiĉa kialo.

Candide ankaŭ ruĝiĝis; ŝi salutis lin per tremetanta voĉo, kaj Candide parolis al ŝi, ne sciante, kion li diras. La morgaŭan tagon, post la tagmanĝo, ĉe la detabliĝo, Cunégonde kaj Candide troviĝis malantaŭ ekranego; Cunégonde lasis fali sian naztukon. Candide ĝin levis; ŝi nepekeme prenis lian manon, la junulo kisis la manon de la fraŭlino kun viveco, sentemo kaj tute aparta afabla plaĉeco; iliaj buŝoj renkontiĝis, iliaj okuloj ardis, iliaj genuoj tremis, iliaj manoj ŝoviĝis. Lia barona moŝto Thunder-ten-tronckh preterpasis la ekranegon, kaj, vidante la kaŭzon kaj la efikon, forpelis Candide el la kastelo per piedbatoj sur la postaĵon; Cunégonde svenis; ŝi estis vangofrapata de la barona sinjorino tuj, kiam ŝi rekonsciiĝis; kaj ĉio estis konsternita en la plejeble bela kaj agrabla el la kasteloj.

## ĈAPITRO II

Kio fariĝis el Candide inter la Bulgaroj[1])

Candide, forpelite el la tera paradizo, marŝadis longe, ne sciante kien, rigardante al la ĉielo kaj al la plej bela el la kasteloj, kiu enfermis la plej belan el la baroninetoj; nemanĝinte li kuŝiĝis meze de kampoj inter du sulkoj; la neĝo faladis per dikaj flokoj. Candide, tute frostiĝinte, treniĝis al proksima urbo, kiun oni nomis Valdberghof-trarbk-dikdorff, estante senmona, mortiĝante pro malsato kaj laceco. Malgaje li haltis ĉe la pordo de drinkejo. Du homoj, blue vestitaj[2]), rimarkis lin.

— Kamarado, — diris unu, — jen estas junulo kun bela staturo kaj kiu havas la postulitan altecon.

Ili iris al Candide kaj tre ĝentile invitis lin por tagmanĝi.

— Sinjoroj, — diris al ili Candide kun ĉarma modesteco, — vi tre honoras min, sed monon mi ne havas por pagi mian parton.

— Ha! Sinjoro, — diris al li unu el la bluuloj, — la personoj kun vizaĝo kaj indo similaj al la via neniam pagas: ĉu vi ne estas alta je kvin futoj kaj kvin coloj?

— Jes, sinjoroj, tioma estas mia alteco, — li diris, riverencante.

— Nu! sinjoro, altabliĝu; ne nur ni pagos la tuton, sed ni ne konsentos, ke homo tia, kia vi estas, restu sen mono; la homoj estas kreitaj por helpi unuj al la aliaj.

— Vi pravas, — diris Candide — tion ĉiam instruis al mi s-ro Pangloss kaj mi bone vidas, ke ĉio estas plej bona.

Oni petas, ke li akceptu kelkajn monerojn, li prenas ilin kaj volas skribi repagpromeson; oni rifuzas ĝin, oni altabliĝas.

— Ĉu vi ne havas korinklinon?...

— Ho! jes, — li respondas, — mi tre forte amas F-inon Cunégonde.

[1]) En ĉi tiu ĉapitro Voltaire nomas la Prusojn Bulgaroj; kaj la Francojn Abaroj. [2]) Alude al la prusaj rekrutistoj, kiuj havis bluan uniformon.

— Ne, — diris unu el la sinjoroj, — ni demandas vin, ĉu vi ne havas fortan korinklinon por la reĝo de la Bulgaroj.

— Tute ne, — li diris, — ĉar neniam mi vidis lin.

— Nu! li estas la plej ĉarma el la reĝoj, kaj ni devas trinki pro lia sano.

— Ho! tre volonte, sinjoroj; — kaj li trinkas.

— Sufiĉas, — oni diris al li; — nun vi estas la apogo, la subteno, la defendanto, la heroo de la Bulgaroj; vi trafis riĉecon, kaj certigata estas via gloro.

Tuj oni katenas liajn piedojn kaj oni kondukas lin al la regimento. Oni igas lin turniĝi dekstren, maldekstren, altigi la vergon[1]), remeti la vergon, celi, pafi, pli rapide paŝadi, kaj oni donas al li tridek bastonfrapojn[2]); la morgaŭon li ekzerciĝas iom malpli malbone kaj ricevas nur dudek batojn; la postmorgaŭon, nur dek, kaj li estas konsiderata de siaj kamaradoj kiel eksterordinarulo.

Candide, mirkonsternite, ne sukcesis ankoraŭ kompreni klare kiel li estas heroo. Iun belan printempan tagon, li elpensis fari promenadon, marŝante rekte antaŭen, kredante, ke estas privilegio de la homaro kiel de la bestaro, utiligi laŭplaĉe siajn krurojn. Apenaŭ li estis irinta du mejlojn, kiam kvar aliaj herooj, altaj je ses futoj, kuratingas lin, ligas kaj kondukas en karceron. Oni jure demandis lin, ĉu li preferas esti vergata tridek ses fojojn de la tuta regimento, aŭ ricevi dek-du kuglojn en la cerbon. Li vane diris, ke liberaj estas la voloj kaj ke li ne volas nek la unuan, nek la duan punon; li fine devis elekti, li decidis laŭ la speciala kapableco, donita de dio, kaj kiun oni nomas libereco, ke li ricevos vergadon. Li suferis du punbatadojn. La regimento konsistis el du mil homoj; li do ricevis kvar mil vergobatojn, kiuj, de la nuko ĝis la postaĵo, malkovris al li la muskolojn kaj la nervojn. Kiam oni estis tuj komenconta trian batadon, li estis tiom suferanta, ke li petegis, ke oni rompu al li la kapon. Li akiras tiun favoron; oni vindas liajn okulojn; oni igas lin genuiĝi. La reĝo de la Bulgaroj[3]) preterpasas ĉe tiu momento, li informiĝas pri la krimo de la paciento; kaj, ĉar tiu reĝo havis grandan genion, li komprenis, per ĉio, kion diris Candide, ke temis pri juna metafizikisto tre nescia pri la aferoj de ĉi tiu mondo, kaj li pardonis kun pardonemo, kiu estos laŭdata en ĉiuj ĵurnaloj kaj dum ĉiuj jarcentoj. Iu bonkora kuracisto resanigis Candide en tri semajnoj per moligaj kuraciloj, rekomenditaj de Dioskorido[4]). Li jam havis iom da haŭto kaj povis marŝi, kiam la reĝo de la Bulgaroj ekbatalis kontraŭ la reĝo de la Abaroj.

El la franca trad. E. L.

[1]) En tiu epoko, la soldatoj bezonis vergon, por ŝargi la pafilon. — Trad.
[2]) En tiu epoko la puna vergado estis uzata en la prusa armeo.
[3]) Frederiko la II-a.
[4]) Greka antikva kuracisto. — Trad.

## *BORYSLAW*[1])

*STANISLAVO ZAUSMER*

*Borturo ĉe borturo; ĉielon ili pikas,*
*Grimpas al bluo, minacaj kaj bruaj.*
*Senfine fluas*
*Bruna, tera suko.*
*Sur montoj, deklivoj, laŭ stratoj*
*Nigraj dikkapaj pingloj ŝprucadas el tero.*
*Potenca, impona poemo*
*Verkita de inĝenieroj.*

*Simfonio infera.*
*Sirena fajf'. Siblado.*
*Motoro kolera*
*Senfine kantas sian muzikon misteran.*

*Melodio giganta!*
*Muĝanta maŝinejo de venonta mondo!*
*Harde, garde*
*Borturoj stariĝis en rondo.*

*En tiu land' de herbejoj, kampfloroj,*
*En tiu land' senĉese melankolia*
*Etendiĝas nigra araneo,*
*Ĉefurbo furia*
*De sango, ŝvito kaj oleo.*

*Laboristo,*
*Sidante sur turpinto,*
*Faligas borilegon en malmolan grundon;*
*Kaj sentante pulsbaton de vivo majesta*

*Kaj ĝian profundon, —*
*Kantas raŭkvoĉe:*
*Kiel boras borilo!*
*Kiel fajlas fajlilo!*
*Kiel grincas la fero!*
*Mi scias!*
*El sango, oleo kaj ŝvito*
*Naskiĝos*
*Libero!*

1) Boryslaw estas ĉefurbo de la pollanda naftindustrio. Ĉi-tie staras centoj da borturoj, kie oni laboras tage kaj nokte.



# Pri maljuna Tilabaj kaj pri dukapa birdo

S. POLEV

Je miloj da kilometroj susuras la sekaj stepoj. Jam de post la marto-monato premas la blua ĉielo flavajn sablarojn kaj rokojn, sur kies deklivoj algluiĝas kiel nestoj de nekonataj grandaj birdoj, kibitoj[1]) de kirgizoj.

Semireĉje[2]).

Pelitaj, subpremitaj de la rusa kulakaro[3]) kaj la cara registaro, kirgizoj foriris montaron kaj vivis tie malriĉe kaj malvaste, memorante pri la libera kaj sata vivado gis alveno de l' urusoj (tiel la kirgizoj nomas la rusojn).

*

Multon scias la kirgizo Tilabaj. Memoras li kiel dum junaj tagoj blindiĝis li.

Tio estis antaŭlonge.

Regis tiam Rusion la caro.

Veturis iafoje Tilabaj en rusan vilaĝeton por aĉeti pulvoron kaj vitroperlojn heleruĝajn por belulino-fianĉino Alagul.

1) Kibito — transportebla kirgiza dometo el tolo kaj feloj de bestoj.
2) Semireĉje — regiono en meza azio, entenanta en si sep riverojn.
3) "Kulak" (pugno) — riĉa rusa kamparano-ekspluatisto.

Alligis li ĉevalon en bazaro, mem iris rigardi grandajn kibitojn de l' urusoj, kiujn oni ne povas movi de loko, kaj ekvidis super unu domo nigran tabulon kun oraj bastonetoj, kaj sur ĝi strangan birdon. Simila estis la birdo al aglo, sed kun du kapoj. Do kie estis vidita, ke aglo dukapa estis.

Rigardas malkomprenante Tilabaj la birdon, malferminte buŝon, kaj el la domo eliris policano flavruĝa, blankevestita, kun ruĝaj ŝnuretoj sur la ŝultroj, kun la ventro malsuprenpendanta kaj kaduka, kun skurĝo en la harhava manego. Ekrulis li la ebriajn okulojn al Tilabaj kaj ekkriegis beste:

— Ĉapon for! Antaŭ kiu ci staras?!

Ne komprenis Tilabaj, ne sciis li ruse. Li rektiĝis kaj rigardis la krianton per trankvilmalŝataj okuloj. La flavruĝulo alpaŝis kaj per maldekstra mano puŝis Tilabaj-on en bruston kun sia plena forto. Ekbolis Tilabaj. La flavruĝulo eksvingis per la mano, eksiblis la skurĝo — frapis la vizaĝon kaj okulojn de Tilabaj.

*

Rekonsciiĝis Tilabaj jam en la patra vilaĝo. Longe kuracis kaj flustris super li sorĉistinoj. Elverŝiĝis tute unu okulo pro la frapo, la dua distingis ankoraŭ la sunan lumon, sed pro malsukcesa kuracado ĉesis vidi post duonjaro.

Kaj blindiĝis Tilabaj.

Forlasis lin amikoj. Restis li sola kun sia malĝojo kaj pensoj. Vivis li maltrankvile, solece, kaj nur en animo lia estis malamego kontraŭ la dukapa birdo, seniginta lin de lumo, amo kaj feliĉo...

Pasis jaroj, senserenaj pro lia soleco...

Maljuniĝis Tilabaj. Estis li jam pli ol sepdekjara.

Sulkiĝis lia vizaĝo kaj ekpendis la malgrasaj manoj.

*

Alvenis Oktobro. Aŭdis iom per la oreloj la loĝantoj de montaj auloj[1]), ke la urusoj forpelis "Ak-padiŝaĥ"-on[2]), bienposedantojn kaj kulak-ojn, ke granda batalo estas sur ĉiuj kampoj de nekonata Rusio, sed en valoregaj kaj sekaj stepoj ĉio restis laŭ la malnovo.

Baldaŭ alvenis Kolĉak, Dutov[3]). Denove vestitaj en blankaj ĉemizoj sin trenis longaj kolonoj da kozakoj[4]). Denove tondrego de pafilegoj ekŝancelis sekajn stepojn en valoj de la sep riveroj.

Pasis ankoraŭ du jaroj. Aŭdis kirgizoj, ke por regno de la blankaj generaloj alvenis fino, rapide ekbruetis ĉaroj, kaj jam maltriumfantaj kaj malĝojaj retiriĝis blankaj kozakoj orienten, al Ĉinio.

Alvenis ruĝuloj.

*

La 1-a de majo 1920.

En mateno, brilanta kaj delikata, algalopis el la vilaĝeto urba kirgizo, ordonis iri al kunveno: uruso el Moskvo parolos kun ni.

Amase iris la aulo. Aliris ankaŭ maljuna Tilabaj.

En vilaĝeto sur placo venkeme kaj ĝoje muzikas orkestro.

Ekparolis juna, sonore streĉata voĉo ruse.

---

[1]) Aulo — vilaĝo de kaŭkazloĝantoj kaj kirgizoj.

[2]) Ak-padiŝaĥ = Blanka reĝo — tiel kirgizoj nomis rusan caron.

[3]) Rusaj generaloj — kontraŭruĝuloj.

[4]) Kozakoj — rusa gento, havinta antaŭ la revolucio diversajn privilegiojn pro la konstanta militdevigo. Dum la revolucio plimulto de kozakoj batalis kontraŭ la ruĝuloj. La kozakoj ne devas esti konfuzataj kun kazakoj (kirgizoj), turka nacio, loĝanta sud-okcidente de Siberio.

Poste tradukis juna kirgizo, kaj tremante aŭskultis Tilabaj mirindan parolon de l' uruso:

— Ni alportis al vi liberon. Vi estas mastroj de tiu ĉi tero, kaj al vi ĝi apartenas. Homoj estas fratoj. Ne ekzistas kirgizoj kaj ne ekzistas rusoj — ĉiuj estas egalaj. Estis ĝis nun potenco de rusaj "kulakoj" kaj bajoj[1]). Ni al vi alportis efektivan laboristan potencon.

La oratoro finis. Rigardo lia falis sur domon de la Soveto, kaj, montrante per fingro, li ekkriis:

— Ĉe vi ankoraŭ vivas lastaĵo de la aŭtokrateco — la dukapa aglo. For ĝin de sur la Soveto!

Ĝoje bruante, la amaso sin ĵetas al la Soveto kaj haltas, atendante ŝtuparon. Subite dispuŝinte ĉiujn, kun la vizaĝo brulanta kaj inspira, aperis antaŭe Tilabaj. Ekparolis li rapide kaj ne ligite, vaste gestante.

La juna kirgizo, ridante, tradukis liajn vortojn al la rusa kamarado.

— Bonege, kamaradoj, li estas la plej maljuna el vi, li forbatu la atestanton de via senrajteco. Oni alportis ŝtuparon. Per juna, forta movo ekstaris Tilabaj supre kun hakilo, ĉirkaŭpalpis la malbenitan birdon kaj kun furioza kolerego batis ĝin. Ekflugis ligneroj. Frapo. Ankoraŭ. Kaj kun krio de l' amaso peze falis la ŝarĝa monstro.

Kaj Tilabaj malsupreniris, ĵetis la hakilon kaj ekiris stepon. Lumaj kaj ĝojaj faladis larmoj el la blindaj okuloj.

*

Multon scias Tilabaj. Ĝisvivas li sian vivon, sidante ĉe kibitoj kun ĝoja, luma vizaĝo, ĉar li scias, ke por ĉiam estas malaperigita la malbena birdo kaj novaj homoj kreskos, ne sciante nigran premon de ĝiaj flugiloj.

Elrusigis Anatolo Bokarjov.



# IOM DA NATURO

## IDA LISIĈNIK

Kiam severa vintro komencas unu post alian cedi siajn poziciojn, kaj la triumfanta suno, kiel ĉiuj venkintoj senkompate elpelas ĝin, invadante ĉiujn okupitajn regionojn, — freŝaj esperoj kaj revoj enŝteliĝas en korojn de ĉiu homo, kaj de laboranto precipe.

Elŝiriĝi el inferaj fabrikoj kaj uzinoj, el sufokantaj kontoroj, el malbonodoraj polvozaj urboj, el malvastaj loĝejoj; ripozigi la elturmentitan korpon, la streĉitajn nervojn en saniga proksimeco de l' naturo; aŭskulti ne zumadon de maŝinoj, sed muzikon de ondalbato kaj murmuron de arboj, kaj anstataŭ ardo de forna flamo, — senti kareson de l' Suno — por kiom da homoj tio restas nur dolĉa sonĝo!

Sed jen la revo efektivigita... Malantaŭe estis lasita laciga laboro, persona kaj socia batalo, streĉiteco de aktualaj niaj tagoj... Vi transportiĝas alian mondon; kaj reala fariĝas ĝi — la lasta.

Jen vi vekiĝas junian matenon sur suda bordo de Krimeo — kaj unuan saluton vi ricevas en freŝa safira rideto de l' maro. Estas trankvile, la vento eksilentis por nelonga tempo, kaj la maro plenbruste ĝuas la maloftan

[1]) Bajo aŭ bejo — kirgiza bienposedanto, nobelo.

ripozon, gracie dorlotante sin en varmaj karesoj de l' suno. Eĉ ondoj ne plaŭdas. Iel melankolie kaj maldiligente etendis la maro sian lazuran profundecon, kaj eĉ etaj blankaj veletoj, similaj je cignoj, kredence sin portas sur ĝia potenca brusto.

Senlima paco ekregas la animon. Aperas deziro enboatiĝi ankaŭ kaj gliti sur travideblaj spegulaj akvoj, miksinte sin kun ĝia profunda paco...

Sed kia iluzio estas tiu trankvilo, kiel falsa kaj malica ĝia ŝajniga mildeco! Jen subite ekblovis vento, — kaj jam ne rekonebla estas la maro. Per unu gesto, akre, eĉ cinike ĝi deĵetis la maskon de sur la hipokrita trankvileco kaj senkaŭze ekfuriozis. Kruele ekbatis la ondoj, la ĝis nun senmova glata supraĵo ekŝaŭmis kaj ekbojis, kvazaŭ raba monstro vidigis siajn blankajn dentojn, minacante engluti ĉion: la senhelpajn, orfece balanciĝantajn veletojn, kiuj, sendefendaj, kvazaŭ plendas silente je simila malico; la surbordajn ŝtonaĵojn, la banejon, la homojn mem. Kaskadoj de akvo, albordiĝante per subtilaj delikataj punktoj, per terura forto ekbatas la bordon, kaj seninterrompe sekvas novaj kaj novaj ondegoj...

Furiozas la maro kaj senhelpe, kiel veleto malgranda, sin sentas la homo antaŭ ĝia ribelanta potenco...

Kaj jen luna nokto, kaj kvazaŭ ensorĉita vi staras antaŭ nova bildo. Ĉu ĝi estas realaĵo aŭ eble la rafinita fantazio kreis tiun senkomparan mirakl-aĵon?

La maro brulas, brulas kaj brilegas per miriadoj da fantaziaj fajroj. La luno, tiu malavara sorĉisto, ŝutas plenmane diamantojn, briliantojn, la maro ekkaptas ilin kaj ekflorigas per groteskaj brilaĵetoj. Kvazaŭ ĉiuj trezoroj de l'mondo kolektiĝis en unu akva strio, kaj fanfaronas, fieras la maro, elĵetante el siaj profundaĵoj jen arĝenton, jen oron, fajrerante, brilegante, ŝanĝante ĉiusekunde sian eksteraĵon.

Plenigita ĝisfunde de tiu misterbeleco, vi revenas ĝardenon. Ĝi estas kaptita de ia enigmoplena silento. Meditas sian profundan penson malgajaj cipresoj-revantoj, delikataj, plenaj de senfina gracio, mimozoj kliniĝis apud la palmoj kaj flustras al ili iajn ĉarmajn sekretojn.

Per ia peza beleco disfloris oleandroj, kaj sange-ruĝaj rozoj elspiras pasion de la suda nokto, de la saturita per spicaj aromoj tero.

Ebriigita, skuita ĝisfunde per kontrasto de tiu ĉirkaŭaĵo kun via animstato, vi kvazaŭ perdas konscion.

Kiel malproksima sonĝo aperas la realaĵo.

Se oni batalas, kreas, rekonstruas la vivon, la homoj, pasigantaj duonon de sia vivo en subteraj ŝaktoj, senigitaj de suno, de aero, devas kiel leonoj batali, por ke oni ne ankoraŭ longigu ilian inferan labortagon, — malsati, por elŝiri unu horon de subtera vivaĝo! Centojn da batalantoj por tiu sama libera aero enŝlosis, enmurigis malliberejo.

Kaj ĉi-tie ia nirvano ekregas la animon, paralizas la volon, sekrete flustras al vi, ke la vivo estas belega festo, ke al ĉiuj sufiĉus suno, fruktoj kaj floroj.

Ne batali, sed kontemplacii tiun belecon, nenion perdi, ĝui ĉiuminute la ĉarmon kaj harmonion de la naturo... Vi faras fortuzon kaj pene deĵetas tiun pezan daturhumoron. Kaj akra, nekontraŭstarebla deziro, turmentiga ĉar neefektivigebla ofte, subite ekregas vin: reen en la malbonodorajn sufokantajn urbojn, al laboro, al batalo... al vivo!...

(Alupka.)

# ATENTU!

Jen la adresoj de la tri fak-redaktoroj, al kiuj oni bonvolu sendi la koncernan materialon:

**FAKO LITERATURA**

K-do *Nikolao Nekrasov,* 1-a Tverskaja Jamskaja, 35, kv. 5 *Moskvo* (Sovetio)

**FAKO PEDAGOGIA**

K-do *Marcel Boubou,* 96, Rue St. Marceau, *Orléans,* Loiret (Francio)

**FAKO SCIENC-TEKNIKA**

K-do *Gregoro Demidjuk,* Degtjarnij per. 5, kv. 6, *Moskvo* 6 (Sovetio)



**Fervorege laboradas**

kompetentula kolektivo vortarista, por post antaŭvidebla tempo povi pretigi la tiom aldeziregatan, senpacience atendatan, multfoje postulatan grandan verkon, kiu finos periodon de necerteco en la vortar-eldonado divers-nacilingva, kiu fiksos kaj precizigos unusence la difinojn de la esperantaj terminoj, kiu signifos gravegan paŝon antaŭen en la kreo de vere internacieca, unuece komprenata kaj sennaciece aplikota lingvo:

# Plena Vortaro de Esperanto

## Eldonota de SAT

**Prezo: 7 g. mk. aŭ ekvivalento.**

Kiu antaŭpagas 2 ekzemplerojn, ricevos trian senpagan post apero, pagante ĝis 30. septembro 1928. Mon-pruntedonantoj ricevos 6 %-an renton. Helpu al ni!

Antaŭpagojn akceptas:

**Direkcio de SAT**, 23 rue Boyer, Paris 20e aŭ **Administracio de SAT**, Colmstrasse 1, Leipzig O 27.

**Mendu senprokraste!**

Presejo: Uns-Produktivgenossenschaft, Leipzig (Germanio)